

# BOLETIN

## DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO

ENERO-ABRIL 1979

AÑO XVII Nº 231-232

# 39-A HISPANA ESPERANTO KONGRESO

**Gijón 16-21 julio 1979**

**La Princo de Asturio D. Felipe de Borbón y Grecia HONORA PREZIDANTO de la 39-A HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO**

BOLETIN
DE LA
FEDERACION ESPAÑOLA
DE ESPERANTO

DIRECTORA:
Dª Mª Aurora Viloria Nieto

DIRECCION
Y ADMINISTRACION:
Dos de Mayo, 4
VALLADOLID

REDACTOR JEFE:
D. Salvador Aragay Galbany
Bassegoda, 40 - Telf. (93) 2401428
BARCELONA-28

COMITE DE REDACCION:
D. Llibert Puig
D. Giordano Moyá
D. V. Hernández Llusera
D. Gabriel Mora y Arana
D. Pedro Nuez

*La enhavo de la artikoloj ĉi tie publikigitaj ne reprezentas la oficialan opinion de H.E.F., escepte en okazo de oficiala komuniko; ĝi ankaŭ ne reprezentas la opinion de la Redaktoro; do, pri la artikoloj respondecas la aŭtoroj mem.*

Depósito Legal: VA. 616.—1978
Gráf. Andrés Martín, S. A. - Juan Mambrilla, 9 - Valladolid

# UTILAJ ADRESOJ

HISPANA ESPERANTO FEDERACIO
Dos de Mayo, 4
VALLADOLID

**Prezidantino**

Mª Rafaela Urueña Alvarez
Avda. Ramón y Cajal, 12-2º-C
Télf. (983) 260086
VALLADOLID

**Sekretario**

Luis Hernández García
adreso kiel supre

**Kasistino**

Carmen Conde Labajo
Calixto Valverde 8-8º-A
VALLADOLID

Pagoj sendu al nia Konto
Nº 001.664-0
Caja de Ahorros Popular
Ag. Urbana E.
A. Lorenzo Hurtado, 1
VALLADOLID

LIBRO-SERVO DE H.E.F.

Jacinto Urueña Antón
Dos de Mayo, 4
VALLADOLID

Pagoj por Libro-servo, sendu al
Caja de Ahorros Popular
Oficina Central
Cuenta Nº 042.268-4 a nombre de
LIBRO-SERVO DE H.E.F.
VALLADOLID

ELDONA FAKO

Inés Gastón
Pº Marina Moreno, 35-4º
ZARAGOZA-1

INFORMA FAKO

Ramón Molera
Sta. Joaquina, 13
MOYA (Barcelona)

ĈEFDELEGITO DE UEA

Juan Azcuénaga Vierna
Capitán Palacios, 3-4º-N
SANTANDER

# SALUTO KAJ INVITO

Post la sukcesa Hispana Esperanto Kongreso okazinta pasintjare en León, denove mi salutas vin, ĉifoje por inviti vin partopreni la XXXIX-an Nacian Kongreson en la bela norda urbo Gijón.

Gijón estis elektata kiel la nuna sidejo de nia Hispana Esperanto Kongreso, konsiderante ke tiu ĉi urbo enhavas du gravajn elementojn por sukcesigi Kongreson. Unue, la ekzisto en Gijón de viglaj kaj laboremaj samideanoj kiuj, ekde la unua momento laboris sindoneme por ke la gekongresanoj alvenontaj tien, povu ĝui sukcesan kongreson.

Due, ni ne povas forgesi ke Gijón estas tute alloga urbo por plenumi la tutan programeron. La sola nomo de la Asturia regiono altiras nian penson ĉe la krutaj altaĵoj, pri la verdaj valoj, pri la belaj strandoj ĉe la Kantabra Maro. La asturia popolo estas forta kiel ĉiam ili estis. Ne vane Asturio estis la lasta hispana teritorio submetita al romanigo, post la falo de Lancia, en la Cismontana Asturio, dum la jaro 19 antaŭ J.K. Kiam ni vizitos Gijón, ni povos vidi la «Aras Sestianas» starigitajn honore al Imperiestro Aŭgusto kaj la varmbanejojn.

La kongresprogramo ne povas esti pli alloga. Kune kun la labora parto de la programo, ĉiam necesa por nia movado, kaj la du interesaj prelegoj, esperante kaj hispanlingve, ni havos la okazon viziti aliajn urbojn kaj lokojn kiuj permesos al ni koni pli bone la tutan regionon: Covadonga kun sia tradicio kaj historio, grandioza spektaklo de brava naturo kaj impona pejzaĝo, kie troviĝas la historia groto kie la Sankta Dipatrino, nomata «La Santina» de la asturianoj, estas venerata kiel dieca reĝino de la regiono. Ĉi tien, venis Don Pelayo forkurante de «Guadalete», persekutata de la maŭroj, atendante la miraklon efektivigota.

Oviedo, ĉefurbo de la Princlando, interesa historia urbo, kun grava Universitato kaj bela gotika katedralo, kiu enhavas la «Cámara Santa» kun la plej historiaj kaj riĉaj relikvoj.

Villaviciosa, fama pro sia fabriko de pomvino, kiun ni vizitos, kaj por la amantoj de la prahistorio, ni vizitos kavernon, ĉar la prahistoria asturia homo lasis spurojn de sia arto en la murpentraĵoj de la kavernoj.

Gijón invitas nin. Jam estas la dua fojo ke Gijón akceptas, Esperanto Kongreson, kaj multaj kiuj havis la bonŝancon ĉeesti la unuan, ankoraŭ rememoras.

Gijón estas industria urbo kaj samtempe mara kaj turisma urbo. Sia grava haveno «El Musel» kaj sia belega strando «San Lorenzo» atendas nin.

Do, karaj gesamideanoj, mi invitas vin al tiu granda esperantista kunveno en Gijón, kiu okazos ĉijare sub la alta protekto de la hispana Princo Don Felipe de Borbón y Grecia, kiu ĝentile akceptis tiun prezidantecon, kaj mi estas certa ke ni ĉiuj gardos neforgeseblan memoron pri la XXXIX-a Hispana Esperanto Kongreso.

**D-rino M. R. UREÑA**
**PREZIDANTINO DE H. E. F.**

# GIJON

## (Iom pri nia ĉijara Kongresurbo)



**PALACO DE LA GRAFOJ DE REVILLAGIJEDO**
**KAJ MONUMENTO AL LA REĜO PELAYO**
**(Fotografía Grupo Ateneo Jovellanos)**

Kvazaŭ fianĉino baldaŭ edziniĝonta, GIJON prepariĝas emocie por la granda tago. Lerta grupo de modistoj (la firmao «OKK») senlace pretigas ĝian fianĉinekipaĵon. Multajn trezorojn kaj ĉarmojn ĝi rezervas por sia estonta edzo, sinjoro Gekongresanaro. Ho! Kian ĝojon tiu ĉi spertos, kiam la granda tago alvenos! Kian feliĉon tiu bonŝanca estaĵo sentos tiam, malkovrante la sennombrajn ĉarmojn de la novedzino!!

Sed... permesu al mi, ke mi iom diru al vi pri tia junulino. Mi ja konas ĝin jam delonge. Mi... (Ho! Ne pensu malice, ne! Ni nur estas veraj amikoj!). Mi scias multe pri ĝiaj ecoj, pri ĝiaj bonaj kvalitoj. Oldaj amikoj vere ni estas! Mi eĉ scias multe pri la historio de ĝia vivo. Jen specimeno.

GIJON naksiĝis en la jaro... Hm!... Bone! Ni diru antaŭ du mil jaroj, proksimume... La ekzakta dato ja ne gravas, ĉu ne vere? En la epoko de ĝia naskiĝo, ĝi estis vizitata de la IV-a Macedona Legio, kaj, tuj poste, ĝi ricevis viziton de la Romanoj, kiuj postlasis en ĝia ĉirkaŭaĵo, inter aliaj restaĵoj, nomojn kiel: Ceares, Fano, Jove, k.c.

Pri ĝia vivo en la infanaĝo, de la V-a ĝis la VIII-a jarcentoj, mi preskaŭ nenion scias. Sed oni rakontis al mi, ke ĝi estis grava problemo por la visigota reĝo Leovigildo, pro sia ribela petolemo. Sed mi povas certigi al vi, ke neniu spuro restas en ĝi de la visigota epoko, nenia influo de tiu kulturo.

La sekvanta vizito estis tiu de la araboj, kiuj ankaŭ ne sukcesis iel influi en ĝi.

Almenaŭ nenia spuro estas videbla en ĝi de tiu vizito. Laŭ onidiroj, la asturia reĝo Don Pelayo establis kortegon tie en tiu tempo.

Dum la reĝado de Alfonso la XI-a, Rodrigo Alvarez de las Asturias estis grafo de GIJON. Ĉar tiu sinjoro ne havis filojn, je lia morto iĝis grafo de GIJON la reĝido Don Enrique.

Kiam Don Pedro iĝis reĝo de Kastilio sub la nomo Pedro la I-a, li batalis kontraŭ Don Enrique, sia frato, kaj ĉi-tiu rezistis en GIJON, ĝis la tiel nomata «Paco de Gijón».

Alia grafo de GIJON estis Don Alfonso, bastardo de Don Enrique kaj Doña Elvira Iñiguez, kiu devis batali kontraŭ la reĝo Don Juan la I-pro sia granda ambicio.

Multaj militaj eventoj skuis la ekzistadon de GIJON post tiu epoko, precipe dum la XVII-a jarcento. Sed, de tiam ĝis la nunaj tagoj, nur la civila milito ĝenis ĝin.

Sed ni parolu nun pri aliaj aferoj interesaj koncernantaj GIJON-on.

GIJON situas proksimume en la centro de la tiel nomata «Verda Marbordo». Kune kun sia komunumo, ĝi okupas 185,5 kvadratajn kilometrojn. La bonanimeco de tiu fianĉino reflektiĝas en ĝia milda klimato: la temperaturoj estas tie moderaj, oscilantaj inter 21 kaj 3 gradoj C. La mezkvanto da jaraj precipitaĵoj iras de 950 ĝis 1050 milimetroj, kaj neĝo estas tre malofta.

GIJON estas ĉefurbo de la mara provinco Asturio. Religie, en ĝia komunumo estas 43 paroĥoj. Rilate al instruado, ĝi enhavas vastan reton da institutoj kaj oficialaj lernejoj kaj kelkajn altlernejojn: Naŭtikan, Inĝenieran, k.t.p.

La enloĝantoj de GIJON nombras proksimume 290.000, kio praktike signifas, ke kvinono de la tuta enloĝantaro de Asturio estas en ĝia komunumo.

Rilate la vidindaĵojn, GIJON povas esti dividata en tri zonojn:

**Antikva Gijón, aŭ Cimadevilla,** la primitiva urbo, konstruita sur la monteto Santa Catalina.

**Moderna Gijón,** frukto de la kreskado kaj disvolviĝado de la urbo.

**Industria kaj fabrika Gijón,** kie ĉiutage vidiĝas la akra tremado de vere laboranta popolo.

Vizitenda estas ankaŭ la loka haveno, kies bordo konsistigas agrablan promenejon apud Cimadevilla.

Dise en tiuj partoj troviĝas vidindaj monumentoj, preĝejoj, palacoj, ĝardenoj...

Fama estas las granda strando San Lorenzo, du kilometrojn longa kaj troviĝanta en la koro de la urbo, plena de bele orumita sablo. Belega promenejo sternas laŭlonge de la strando, iranta de la piedo de la monteto Santa Catalina ĝis ponto super la rivero Piles, kie komencas belega parko, la Parko de Isabel la Católica, plena de ĉarmaj anguloj, de rozujaroj, de boskoj, enhavanta ampleksan infanamuzejon kaj kelkajn monumentojn. Unu el tiuj estas la unua momento, kiu estis starigita en la mondo memore al la fama D-ro Fleming.

Je ne longa distanco de GIJON situas ĝia tre grava haveno El Musel, unu el la plej gravaj hispanaj havenoj el la vidpunkto de la eksportado, la unua en la karboeksportado. La unuaj laboroj de ĝia konstruado ekkomencis en la jaro 1892.

Ekzistas en GIJON tri vizitendaj muzeoj: La Muzeo de Gijón, en Cimadevilla, enhavanta pentraĵojn de la plej famaj asturiaj majstroj. La Etnografía Muzeo de la Asturia Popolo, kie troviĝas tipaj asturiaj konstruaĵoj kaj simbolaj elementoj. La Internacia Muzeo de la Sakŝalmo, kie oni povas admiri ĉion rilatantan la ampleksan kaj fabelan mondon de la sakŝalmo. La unua estas vizitebla ĉiutage, de la 10-a ĝis la 1,30-a matene kaj de la 4-a ĝis la 8,30-a posttagmeze (krom dimanĉoj kaj festotagoj). La duan oni povas viziti ĉiudimanĉe kaj en festotagoj dum la tuta jaro, kaj ĉiutage dum la somera epoko. La tria estas malfermata al la publiko dum la tuta semajno, krom sabate posttagmeze, dimanĉe kaj en festotagoj, de la 10-a ĝis la 2-a matene kaj de la 5-a gis la 8-a posttagmeze.

Kaj jen mia babilado pri la bela, interesa kaj grava ĉijara Kongresurbo alvenis al sia fino. Restas al mi nur deziri al vi ĉiuj **sanon** por alveni, **monon** por ĝui vian restadon kaj **amon** sufiĉan al la Esperanta Movado, devigantan vin partopreni la XXXIX-an Hispanan Kongreson de Esperanto.

AMEN!!

**ALCIBIADES**
**La Felguera, 1979-03-26**

# 39 CONGRESO ESPAÑOL DE ESPERANTO

## COMITE DE HONOR DEL CONGRESO

Hasta el momento presente han aceptado formar parte de este Comité, cuya Presidencia de Honor ostenta S.A.R. el Príncipe de Asturias, las siguientes personalidades.

Excmo. Sr. D. Adolfo Suárez González
PRESIDENTE DEL GOBIERNO

D. Marcelino Oreja Aguirre
MINISTRO DE ASUNTOS EXTERIORES

D. José Manuel Otero Novas
MINISTRO DE EDUCACION

D. Antonio Ibáñez Freire
MINISTRO DEL INTERIOR

D. Juan Antonio García Díez
MINISTRO DE COMERCIO Y TURISMO

D. Manuel Clavero Arevalo
MINISTRO DE CULTURA

D. Luis González Seara
MINISTRO DE UNIVERSIDADES E INVESTIGACION

## MATASELLOS ESPECIAL

La Dirección General de Correos y Telecomunicación ha concedido un **matasellos especial** que conmemore el 39 Congreso Español de Esperanto. Dicho matasellos será utilizado en la Oficina Temporal de Correos que se establecerá para este fin en el Ateneo Jovellanos.

# VASTAJ HORIZONTOJ POR ESPERANTO KAJ POR SKOLTADO

Se ni deziras ke ESPERANTO daŭre vivu, ni devas altiri al niai vicoi la junularon, el kiu ĉirkaŭ 20 milionoj estas membroj de la Skolta Movado. Kiam ili kunvenas en la «Monda Jamboreo» tie estas uzataj pli ol 50 diversaj lingvoj; Kiamaniere ni, esperantistoj, povos konvinki ilin pri la utileco de la internacia lingvo Esperanto por ilia internacia Laboro?

La Skolta Esperanto-Ligo energie luktas sur tiu kampo. Internacia kompreno kaj frateco ja estas la celoj de ambaŭ organizaĵoj

La Skolta Movado daŭre klopondas instigi la skoltojn al pli vasta internacia kunlaboro. S.E.L. partoprenas en tiu programo per la eldono de libreto kun instigaj ideoj kaj konsiloj, Gia titolo en Esperanto estas VASTAJ HORIZONTOJ. De ĉi-tiu libreto, finfine, aperis en nia Lando tradukita en kastilia lingvo sub titolo «Mas amplios Horizontes» de S-ro S. Aragay kaj alia versio en kataluna lingvo tradukis s-ro J. María Pi.

La menciita verko pritraktas la disvastigadon de la skoltado kaj la uzadon de Esperanto en la internaciaj rilatoj de la skoltoj.

La antaŭparolon afable verkis D-ro L. Nagy, ĝenerala sekretario de la Skolta Monda Oficejo en Ĝenevo.

La grava kataluna ĵurnalo «LA VANGUARDIA» aperigis recenzojn pri ambaŭ verkoj la 7-an de decembro 1978. Prezo de ĉiu ekzemplero: 25 p-toj. Interesuloj petu ilin de Libroservo de H.E.F.

Ankaŭ Libroservo de H.E.F. havas je via dispono specialan lernolibron por skoltoj titolita; «JAMBOREA LINGVO».

La tradukoj de «Vastaj Horizontoj» en la kastilia kaj en la kataluna lingvo estis eblaj danke al la kunlaboro de la SKOLTA ESPERANTO LIGO kaj la Kunordiga Kataluna Komitato de H.E.F.

# LUZERNO, URBO DE LA 64-a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO



Post la unua federacia kontrakto, kiun la loĝantoj de la regionoj Uri, Schwyz kaj Unterwalden interkonsentis en la jaro 1291, la urbo Luzerno aliĝis al tiu ligo en 1332 kaj tiel, la Lago de la Kvar Kantonoj fariĝis la kerno de la juna konfederacio.

Luzerno, situata en la centro de Svislando, estas je 437 m. super la marnivelo, kaj ĝi estas ĉefurbo de la samnoma kantono.

La urbo mem, ĝentila, bunta, ĉarma, meritas viziton, ĉar ĝi konservas la etoson de mezepoka urbo kun la allogaĵoj kaj amuzoj de la nuna jarcento. **La kapela ponto**, konstruita en la jaro 1333, kaj konata en la tuta mondo kiel simbolo de la urbo, havas je la plafono 120 pentraĵojn originale pentritaj de H. Wagmann kaj siaj disciploj. Ĉi tiu ponto konstruita el ligno estas grava ekzemplo de la mezepoka arto.

La multaj artaĵoj, kiujn ekzistas en la urbo, ne estas tuj videblaj.

Tamen, ili troviĝas abunde en preĝejoj, palacoj, kaj muzeoj. La plej grava muzeo estas **la Trafikmuzeo**, la pli granda de sia genro en Eŭropo, kiu prezentas en viveca aspekto la evoluon kaj gravecon de ĉiuj transportiloj. Samloke situas la **kosmoramo**, kie pere de la multivizio oni povas vidi unikan prezentadon de la universa veturado, ekde la komenco ĝis nun. Tie oni povas vidi originalajn objektojn el la universa veturado, kiel kapsuloj, raketoj, modeloj de satelitoj k.t.p. kaj ankaŭ tie situas la **Planetario**, la nura ekzistanta en Svislando; ekipita per la plej moderna projekciilo, ĝi havigas imponan imagon pri la firmamento kaj la movigoj de la astroj.

**La Katedralo**, kie dum la Kongreso okazos Diservo, estis konstruita laŭ la renesanca stilo inter la jaroj 1634-1639 kaj la turoj estas gotikaj. Luzerno, estas ĉirkaŭata de ĉarmaj montetoj kiuj meritas viziton.

En tiu senco, la kongresprogramo estas vere alloga, ĉar ĝi oferdonas al la kongresontoj plurajn ekskurseblecojn. Tiel, ĉiutage okazos rondveturado tra Luzerno, kiu donos ĝeneralan impreson pri la urbo kaj ebligos viziti la Muzeon Richard Wagner kaj la Trafikmuzeon. La fiera roko piramido **Pilatus** (2.132 m.) ne tre malproksima de Luzerno, estas alia tuttaga ekskursa ebleco.

Por la ekskursa tago, la gekongresanoj povas elekti inter la jenaj: Monto Rigi, Monto Titlis, Lugano kaj Berna, ĉiuj estas tre interesaj sed ĉiuj oni devas elekti laŭ siaj preferoj.

La kongresprogramo konsistos i.a. el laboraj kunsidoj, kulturaj kaj amuzaj programeroj (Svisa Vespero, Internacia Arta Vespero, Teatra Vespero, Orgenkoncerto, k.t.p.), klerigaj programeroj (Internacia Somera Universitato, Internacia Konferenco pri Esperantologio k.t.p.), solenaĵoj, festaj aranĝoj kaj junularaj aranĝoj.

Pro la beleco de la kongresurbo kaj la konvena kongresprogramo, malgraŭ la altaj prezoj, Luzerno certe meritas viziton.

# KARLO

Ni estis amikoj ekde nia infaneco. Tamen, mi tute ne komprenas kial ni ambaŭ estis bonaj kamaradoj, kvankam nia karaktero, sinteno kaj agmaniero estis malsimilaj.

Mi bone memoras, ke jam en la lernejo kaj gimnazio li estis tro serioza knabo. Neniam iu vidis lin ridetanta. Karlo ĉiam mienis malgaje, melankolie...

Li estis studema infano. Serioza estulo. Eĉ dum la matena lerneja paŭzo, Karlo pli preferis resti en la klasĉambro ol ludi ĉe la korto kun siaj lernejaj amikoj.

Ni kreskis kaj fariĝis maturaj homoj. Tamen, daŭre lia vizaĝo aspektis serioze neridetanta; neniu trajto el ĝi sanĝiĝis dum la daŭro de sia vivo: ĉiam la sama monotona rigardo, la simila esprimaspekto, la egala lip-rekteco. Nek ŝercoj nek spritaĵoj estis sufiĉa kaŭzo por ekflamigi lian vizaĝon.

Ankaŭ post lia edziĝo nia amikeco estis konstanta. Almenaŭ du fojojn semajne ni renkontiĝis por babili dum proksimume du horoj aŭ ŝakludi. Tamen, nek unu rido, eĉ nek eta rideto aŭ ombro de rideto. Liaj vangoj neniam estis kuntiriĝintaj. Lia vizago aspektis rigide, maskkartone.

Ŝajnas neeble, ke vivanta homo povas vivi sen rido. Sed eble, Karlo estis la unika escepto trovita sur nia terglobo. En la mondo ekzistas multaj pesimistoj, kaj ilia anima stato malgajigas sian propran karakteron, sed Karlo ne estis pesimisma individuo; kontraŭe, ĉiam li esperis el la vivo kaj el la homaro.

Estis granda kontrasto inter mi kaj li: mi, gaja kaj diboĉema; li, seriozega kaj virtema. Mi ŝatis paroli, kanti, ridi, fumi, drinki... Li, silenti, aŭskulti, pensi, lerni, seriozemi. Eble, tiaj malsimilaj karakteraj trajtoj estis la ligilo de nia vera amikeco, same kiel magneto, kies pozitiva poluso altiras la negativajn.

Pasintan semajnon, kiel kutime, mi iris ĉe Karlo por ŝakludi. Post pordsonorilado, lia edzino Marta malfermis la pordon. Mi eniris kaj salutis ŝin. Marta diris al mi: «Mia edzo atendas vin en la salono». Mi eniris en ĝin, kaj jen surprizo: Karlo, sidante sur sofo, havis la okulojn ronde malfermitajn; liaj vangoj estis kuntiritaj; la buŝo arkforma; la vizaĝo ekflama: la ridetis! Cu tio estis miraklo? Li diris al mi: «Petro, alproksimiĝu, ke mi devas rakonti belan aferon al vi». Mi respondis: «Atendu momenton, ĉar mi devas demeti mian surtuton». Kiam mi turnis la kapon, ĵus li estis mortinta. Lia vizaĝo restis ridetanta. Jen unua kaj lasta rideto!

Kion li deziris rakonti al mi? Kiuj estis liaj lastaj pensoj? Kio tiel ridetigis lin? Estas granda bedaŭro, ke ni neniam malkovros la kaŭzon de lia unika rideto!

PETRO NUEZ

# NOVJARA MESAĜO DE LA PREZIDANTO DE UEA

KVANKAM ideoj de elementa justeco enpenetris diversajn aspektojn de la homa vivo, ili ne enpenetris ĉiujn. Bazaj principoj de rasa egaleco estas hodiaŭ larĝe akceptitaj, eĉ se ili ne estas ĉiam aplikataj. Vastiĝas principoj de seksa egaleco, kaj de religia. Sed la lingva egaleco ankoraŭ postrestas.

En la nunaj tagoj en multaj landoj oni festas la tridekan datrevenon de la Universala Deklaracio de Homaj Rajtoj. UEA mem deklaris la periodon de la 10a ĝis la 15a de decembro Semajno de Homaj Rajtoj kaj Esperanto. Landaj kaj lokaj Esperanto-organizaĵoj kunlaboras por fari specialajn aranĝojn dum tiu Semajno, per kiuj ili donas apartan atenton al la Universala Deklaracio kaj aliras la publikon por emfazi ĝiajn lingvajn aspektojn.

Tiuj lingvaj aspektoj de la Deklaracio estas relative neglektataj. Diskriminacio kontraŭ homoj nur pro la lingvo, kiun ili parolas, estas tre ofta hodiaŭa fenomeno. Eĉ la grandaj internaciaj organizaĵoj aplikas lingvan diskriminacion en la propra laboro kiam ili favoras certajn lingvojn kaj malatentas aliajn. En sia insistado pri lingva egaleco, Universala Esperanto-Asocio laboras por severe neglektata aspekto de la homa justeco, kiu estas eksplicite menciita en la Universala Deklaracio de Homaj Rajtoj.

En la morgaŭa mondo la simplaj fizikaj bezonoj, la interrilato de la monda ekonomio, la denseco de la homa komunikado, ĉio ĉi igos la diversajn naciojn ne plu sendependaj sed interdependaj. Tiu epoko jam alvenadas. Por konservi la diversecon de la kulturoj, la diversajn alirojn al la homaj feliĉo kaj justeco, oni bezonas homan komunikilon, kiu ne favoras unu nacion super alia sed traktas ĉiujn egalaj. Oni bezonas lingvon, kiun oni povas lerni relative facile, sed kiu kapablas esprimi ĉion lingve esprimeblan. Oni bezonas lingvon, kiu povas ligi la ordinarajn civitanojn de la mondo, do ne nur la elitojn, per senperaj ligiloj.

La morgaŭa mondo povus enteni la promeson de tutmonda lingva komunikado por ĉiu civitano. La Internacia Lingvo Esperanto estas la hodiaŭa garantio de tiu morgaŭa ebleco.

Por lokaj kaj naciaj bezonoj ni uzu lokajn kaj naciajn lingvojn; ja ĉiu lingvo havas sian rolon. Sed por internacia komunikado ni uzu unuavice la efikan kaj jam elprovitan Internacian Lingvon. Ĝi ne forigu la naciajn lingvojn, sed konservu ilin en nova lingva ordo.

En la laboro por Esperanto la jaro 1978 estis brila jaro. La Universala Kongreso de Esperanto ĉi-jare renkontigis 4.400 homojn el kvindeko da landojn en la dua plej granda kunveno en la tuta historio de la lingvo. En multaj mondopartoj novaj grupoj de homoj aŭdis la novaĵon de Esperanto kaj eltrovis ĝian utilon kiel rimedo por vera internaciismo kaj kiel forta apogilo de la paco. Aliaj komencis utiligi ĝin por pure praktikaj bezonoj en universitatoj, en komerco, en vojaĝado, por faciligi internaciajn kontaktojn. La kresko de intereso pri Esperanto en Latinameriko estas bona ekzemplo de tiu nova kaj instiga dinamismo.

La kreskanta atento al Esperanto estas tuj komprenebla. En mondo, kiu perdadas siajn idealojn, ĝi prezentas bonan kaj indan idealon. En mondo, en kiu la transnacia komunikado intensiĝas, kaj la bezono alpreni teknikon kaj sciojn el aliaj landoj kreskas, Esperanto prezentas perfekte simplan solvon.

Necesas, ke la jamaj parolantoj de Esperanto kune laboru en konscia harmonio por alporti al pli da homoj tiun ĉi modernan miraklon de la komunikado. Ni ĉiuj havas niajn diversajn alirojn al mondaj problemoj, al politiko, al sociaj demandoj, eĉ al persona filozofio - sed unuigas nin la lingvo, kiun ni parolas. Tio estas potenca kaj nedisigebla ligilo.

La jaro 1979 estas promesplena jaro. Esperanto kaj la laboro por Esperanto intensiĝas, firmiĝas, kaj - eble plej grave - disvastiĝas vere tra la tuta mondo. La atingoj de 1978 daŭru kaj duobliĝu tra 1979. Tio okazos, se ni tenos nin firme je la celo kaj en ĉiuj niaj rilatoj kun aliaj homoj ne forgesos tiun celon - la senperan, egalecan, internacian lingvan komunikadon.

Zamenhof-Tago 1978
**Humphrey Tonkin**

# CUENTA DE TESORERIA AÑO 1978

INGRESOS

| | | |
|---|---|---|
| Sobrante año 1977 | 22.196,55 | |
| Cuotas de socios | 162.670,00 | |
| Donativos | 47.443,00 | |
| Donativos para F.A.L.P. | 1.200,00 | |
| Beneficio congreso de Sabadell | 19.732,00 | |
| Varios | 7.006,99 | 260.248,54 |

GASTOS

| | | |
|---|---|---|
| Oficina y correo | 28.845,85 | |
| Imprenta y xerocopias | 117.930,00 | |
| Comunidad y limpieza | 9.101,00 | |
| Electricidad y teléfono | 4.432,00 | |
| Pagado cuotas 1977 a U.E.A. | 15.000,00 | |
| Varios | 11.520,80 | 186.829,65 |
| SALDO A CUENTA NUEVA | | 73.418,89 |
| | | 260.248,54 |

**M. Rafaela Urueña**
**Presidenta de H.E.F.**

**Carmen Conde Labajo**
**Tesorera**

# LIBROSERVO DE H.E.F.

**ESTADO DE CUENTAS DE LIBROSERVO EN 31 DICIEMBRE 1978**

| | | |
|---|---|---|
| Existencias en enero 1978 | | 96.719,— Ptas. |
| Ventas hasta la fecha | 38.379,— | |
| Valor (precio compra) | 31.235,— | |
| Beneficio Bruto | 7.144,— | |
| Gastos Generales | 2.944,— | |
| | 4.200,— | 4.200,— " |
| Existencias en 31-12-1978 | | 100.919,— " |

| | | |
|---|---|---|
| Existencias en material | 91.095,— | |
| En Caja de Ahorros Popular | 9.799,— | |
| En efectivo | 25,— | |
| | 100.919,— | 100.919,— Ptas. |

Con estas líneas quiero expresar mi agradecimiento a D. Félix Gómez Martín anterior Libroservanto, por su gran labor en ese cargo, la cual me ha servido de grandísimo provecho y orientación para mejor desenvolvimiento en mi tarea, pues el trabajo por él realizado me ha permitido atender todas las peticiones de libros desde el primer día en que este servicio fue trasladado a Valladolid.

El servicio lo atiendo lo más rápidamente posible, pero cuando no hay existencias del libro solicitado y es necesario pedirlo al extranjero, ruego disculpen la tardanza en estos casos.

POR LIBROSERVO DE H.E.F.

**Jacinto Urueña Antón**

# RESUMEN DE CUENTAS DE LA SECCION EDITORIAL DE F.E.E. - 1978

Saldo a favor en 1977 ........................... 480,— Ptas.

**INGRESOS**

| | |
|---|---|
| Por venta de material ........................... | 18.858,— " |
| | 19.338,— " |

**GASTOS**

| | |
|---|---|
| Material según nota presentada | 8.129,— Ptas. |
| Pago Inst. Nacional del Libro | 900,— " |
| Correo, etc. ................. | 1.133,— " |
| | 10.162,— " |

**RESUMEN**

| | |
|---|---|
| Ingresado .... | 19.338,— Ptas. |
| Gastado ..... | 10.162,— " |
| Saldo a favor | 09.176,— " |

Zaragoza a 31 de diciembre de 1978

**Inés Gastón**

En este año la Sección Editorial de la Federación Española de Esperanto ha cancelado la cuenta especial motivada por la edición de «KUN SOPIRA KORO». Finalizada de pagar la cantidad recibida a tal fin, los ejemplares restantes incrementarán el fondo de la Sección Editorial de F.E.E.

Y ahora como persona responsable de la Sección Editorial doy públicamente las gracias a la anterior Directiva de la Federación que hizo posible la edición de este libro.

# NOTAS DE INTERES PARA TODOS LOS FEDERADOS

**BOLETIN CONTRA REEMBOLSO.**—El número 228-229 se envió **contra reembolso** a todos aquellos que, según tesorería, no habían efectuado el pago de la cuota correspondiente a 1978 al 31 de diciembre del citado año. Dicho envío hubo de adelantarse a la fecha prevista, ya que se pensó enviar el reembolso con el número posterior, es decir con el nº 230 correspondiente al período noviembre-diciembre 1978, dada la precaria situación económica que nos impedía publicar BOLETIN.

**ACLARACION.**—Dado que en la Secretaría de la Federación se han recibido algunas cartas de protesta ante la no aparición bimensual de BOLETIN, esta Directiva, para general conocimiento, transcribe a continuación el art. 29 de sus ESTATUTOS.

DE LA REVISTA

Art. 29. Cuando el número de socios y las posibilidades económicas de la Federación lo permitan, ésta publicará un «BOLETIN» como órgano oficial de la Federación.

En la revista se usará según convenga, el español y el esperanto, y en ella se publicarán artículos literarios o de propaganda esperantista, noticias del movimiento esperantista, amenidades y cuanto se considere de interés para los socios y suscriptores. En manera alguna la revista se ocupará de cualquier otro tema que no sean los mencionados.

**CAMBIO DE DOMICILIO.**—Rogamos a TODOS LOS SOCIOS Y ABONADOS que cuando cambien de domicilio, lo comuniquen a la mayor brevedad indicando la antigua y la nueva dirección, ambas con todos los datos completos y perfectamente legibles, ya que de otro modo CORREOS nos devuelve la correspondencia.

**AGRADECIMIENTO.**—La Directiva de la Federación Española de Esperanto, por medio de estas líneas, expresa su más sincera gratitud a todos aquellos que gentilmente han enviado recortes de prensa con noticias y artículos aparecidos en diversos periódicos, relacionados con Esperanto.

**SEDE DEL CONGRESO ESPAÑOL DE ESPERANTO PARA 1980.**—Se ruega a todos los Grupos y Secciones adheridas a H.E.F. estudien las posibilidades que tienen para organizar el Congreso para el próximo año, ya que en el Congreso a celebrar en Gijón, dentro de la Junta General, habrá de elegirse la localidad donde celebrarlo. Igualmente sería de desear el que no sólo hubiera propuestas para 1980, sino que las hubiera también para 1981.

**PAGO DE COTIZACIONES DE 1979.**—Rogamos, encarecidamente, a todos aquellos que no hayan efectuado el pago de la cotización correspondiente a 1979 lo hagan a la mayor rapidez, para evitar el que, en su día, se les envíe **contra reembolso** y trabajo extra a la Directiva que redundará en perjuicio de otros trabajos, más urgentes o necesarios.

# «ESPERANTO KAJ LA HOMAJ RAJTOJ»

Kiel kutime, la E-Grupoj el nia Lando festis, diversmaniere, la naskiĝdatrevenon de D-ro L. L. Zamenhof, elpensinto de la internacia lingvo ESPERANTO, sed ĉijare koincidas la 119-an datreveno de la naskiĝo de D-ro Zamenhof kun la 20-an datreveno de la proklamo fare de la Ĝenerala Asembleo de Unuiĝintaj Nacioj de la Deklaracio pri Homaj Rajtoj. Por inde festi kaj celebri ambaŭ eventojn U.E.A. proklamis la semajnon de la 10-an ĝis la 15-an de Decembro 1978 kiel «Semajno de Homaj Rajtoj kaj Esperanto». Siaflanke la estraro de H.E.F. sendis al ĉiuj sekcioj kaj Grupoj al ĝi aliĝantaj, cirkuleron sugestante celebri, laŭ iliaj eblecoj, ambaŭ eventojn. Nun ni publikigas raportojn pri tiuj Grupoj kiuj sendis al ni informojn.

**VIGO**

La 10-an de Decembro, gesamideanoj el Galegujo kaj Portugalio renkontiĝis por celebri la «Tagon de Zamenhof kaj 30-an datreveno de la Deklaracio de Homaj Rajtoj». La programo, laŭ informoj ricevitaj, konsistis el vizito al la diversaj instalaĵoj de la Sporta palaco, du prelegoj: unu pri «Zamenhof, apostolo de la paco kaj de la homa frateco. Antaŭ la XXX-an datreveno de la Deklaracio pri Homaj Rajtoj», preleganto estis S-ro Pio Moa Banga kaj alia pri «Esperanto en la Universitato» fare de S-ro Antonio Alonso Núñez. Fine, okazis frata bankedo kiu taŭgis por plifirmigi la amikajn rilatojn inter la galegaj kaj portugalaj gesamideanoj.

**BARCELONO**

Tiel kiel en la antaŭaj jaroj, la Esperanto-Grupoj de Barcelono organizis la Zamenhofan feston kaj la Librotagon dum decembro, tamen, pro la nuna translokiĝo de la klubo de AMIKOJ de UNESKO en alian sidejon, la reprezentantoj de la E-grupoj decidis organizi la aranĝon en la sidejon de Barcelona Esperanto-Centro.

La festo estis tre sukcesa, kaj ĉeestis pli-malpli 45 geanoj de UNESKO, HEJS, Stelo de Paco, Foment Martinec, Naturisma Asocio,B.E-C. k.t.p.

Elstaraj esperantistoj partoprenis en la Kolokvo pri UNESKO, inter ili, ni mencias: s-roj Giordano Moya, Fernández Jurado kaj fratojn Alberich.

**SABADELL**

Sekvante la rekomendon farita de U.E.A. kaj H.E.F. Centro de Esperanto Sabadell, inde kaj taŭge, kunligis la Zamenhof-Tagon kun la 30-an datreveno de la Deklaracio de Homaj Rajtoj.

Pere de konvenaj afiŝoj en montrofenestroj kaj informoj per radio kaj ĵurnalo, la sabadellanoj estis informitaj pri la programo, kiu komencis la 14-an de Decembro en la aŭditorio de la loka ŝparkaso kie, katalunlingve, parolis pastro Manuel Casanoves el Barcelono.

Sabate la urbo vidis, agrable surprizita, 30 ŝtofafiŝojn pendantaj en tiuj stratoj kie la trafiko estas pli intensa. En ĉiu verda afiŝo, kies longenco estis ĝis 6 m-j, estis skribita blanklitere kaj koncize unu el la artikoloj de la Deklaracio. Ankaŭ la aŭtobusoj de la publika transporto kunlaboris al la verdigo de la urbo, ĉar, sabate kaj dimanĉe, ili portis supre kaj ambaŭ flanke la esperantajn flagetojn.

Diversajn informtablojn estis starigitaj, sabato posttagmeze, kaj tie ĉiu interesanto povis ricevi informojn pri la internacia lingvo, venontaj kursoj kaj broŝuro pri Homaj Rajtoj, kiu C.E.S. eldonis por ĉi tiu okazo.

En la sidejo de Centro de Esperanto Sabadell (C.E.S.) funkciis libro-servo kaj tri murkolorajn pentraĵojn estis pentritaj de la junaj sabadellaj esperantistoj en lokoj elektitaj pro ĝia taŭga kaj konvena situacio. La desegnaĵoj, kiuj dum monatoj okulfrapos al ĉiuj pro siaj grandaj dimensioj, montras, simbole, la taŭgecon de la internacia lingvo por atingi interkomprenon.

